# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VII N.° 5 (77) MAYO, 1955



## NUESTRO PRÓXIMO CONGRESO

Los esperantistas españoles, y no pocos extranjeros, han exteriorizado siempre la satisfacción que les producen nuestros congresos. Esa reunión anual, durante la cual se contrastan actividades, se trazan líneas de conducta y, a la par, se establecen contactos entre los diversos grupos, llevan aparejadas, además, el establecimiento de simpatías y amistades, que esperan a cada congreso su reafirmación y fomento.

Este año, en el que la victoria de Montevideo ha venido a dar al movimiento esperantista un prestigio inapreciable, ante los que nos juzgan y miden, los esperantistas españoles deben demostrar, con su asistencia al congreso de Gijón, la importancia de nuestro movimiento.

Sabemos que los samideanos de Gijón se han prodigado para ofrecernos un programa muy halagüeño; que las distinguidas Autoridades han considerado con cariño nuestra próxima

# 16-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

## 23 - 27 de Julio de 1955

**Adreso de la Organiza Komitato: Grupo Esperantista del Centro Asturiano**
**Paseo de Begoña, 26-28, GIJON, Asturias**

### PROVIZORA PROGRAMO

*Sabaton, 23.* — Matene: Akcepto de la alvenantaj kongresanoj.
15'00 - Disdono de la kongres-dokumentaro.
17'00 - Kunsido de la Estraro de H. E. F.
19'00 - Malfermo de la Esperanto-ekspozicio.
20'00 - Interkonatiĝa kunveno.

*Dimanĉon, 24.* — 9'00 - Solena Meso kaj prediko en Esperanto.
10'00 - Oficiala fotografado.
11'30 - Malfermo de la Kongreso.
13'00 - Oficiala akcepto de la kongresanoj en la Urbodomo.
16'00 - Vizito al la Labora Universitato.

*Lundon, 25.* — 10'00 - Kunveno de Sekcioj kaj ekzamenoj de Esperanto.
12'00 - Unua laborkunsido.
16'00 - Literatura festo.
19'00 - Dua laborkunsido.
22'30 - «Verbena» (kermeso) por la kongresanoj.

*Mardon, 26.* — 9'00 - Veturado al Oviedo.
10'00 - Vizito al la Katedralo kaj aliaj vidindaĵoj.
13'00 - Oficiala akcepto de la kongresanoj en la Urbodomo.
14'00 - Oficiala bankedo kaj folklora festo.
19'00 - Solena fermo de la Kongreso.

*Merkredon, 27.* — Tuttaga ekskurso al Covadonga.

Ni tre plezure informas, ke la Urbestraro de Gijón estos la Honora Protektanto de nia kunveno kaj ke la plej gravaj aranĝoj estos filmataj de la oficiala filmentrepreno NO-DO. Nia Kongreso, do, povos post nelonge esti rigardata en ĉiuj kinejoj de la lando.

Nia Komitato eldonis belan kongresan poŝtkarton, en 5 koloroj, kiun oni jam povas mendi rekte de Gijón. Ĝia prezo, 1 peseto. Krome oni eldonis aliajn du poŝtkartojn, unu kun la porteto de Zamenhof kaj la alia kun landkarto de Hispanujo. La prezo de ĉi tiuj estas 0'50 pesetoj, kun 20 % de rabato al la revendistoj. Oni petas, bonvolu mendi ĉi tiujn poŝtkartojn por propagandi kiel eble plej multe pri nia Kongreso.

---

...gada a la simpática ciudad asturiana; y que para todos, esperantistas, familiares y simp...zantes, el hermoso país asturiano, con sus bravas costas, verdes valles e imponentes montañas, ha de ser motivo de grato solaz e imperecedero recuerdo. Quien falte en Gijón, no solamente quedará ajeno a una reunión que contará como una de las más importantes en la historia de nuestro movimiento, sino que fallará una ocasión única para hallarse, durante cinco días en «Esperantujo», entre samideanos de todas las regiones de España y no pocos extranjeros. Y, al propio tiempo, se habrá perdido una magnífica ocasión para maravillarse con los espléndidos panoramas de la región astur.

Si la asistencia a los congresos debe ser considerada por todo esperantista como una obligación moral, la de este año constituye un deber inexcusable para con los samideanos gijoneses, cuyos esfuerzos para organizar un congreso inolvidable solo esperan, como recompensa, vuestro apoyo, vuestra asistencia y el calor de vuestro entusiasmo.

# H. C. ANDERSEN

Antaŭ 150 jaroj, la 2-an de aprilo 1805, naskiĝis Hans Christian Andersen en la malgranda urbo Odense, en Danujo, en plej malriĉa medio, sub ŝajne plej malbonaj kondiĉoj por feliĉa estonteco, kaj tamen li fariĝis la plej fama filo de sia lando, unu el la plej grandaj fabelverkistoj de la mondo. En sia maljuneco li vidis sian nomon flanke de la nomoj de Homero, Dante, Cervantes, Shakespeare, Goethe. Estis —kiel li mem sentis kaj tion esprimis – fabelo en la realeco, realeco pli miriga ol la elpensaĵoj de la fantazio.

Li havis la sorton esti sola infano, kaj la feliĉon esti sola infano en bona kaj amika hejmo, kie la gepatroj amis unu la alian, kaj amis la knabon. Li kreskis en kvieto, kiel trankvila introspekta infano, kiu ludis kun si mem, en la mondo de la fantazio, kun bildoj kaj historioj kaj pupoj kaj teatro. Li estis karakterize kreanta, produktiva infano, kaj male de aliaj malriĉaj infanoj li povis sekvi sian naturon, povis esti kiel li volis, li tute simple dorlotiĝis, anstataŭ esti ŝarĝata per laboroj kaj devoj, por kio certe estus sufiĉe da kaŭzo en la malriĉa hejmo. La patro estis memstara, pensema kaj kritikema animo, kiu sentis sin destinita por io pli alta ol sia modesta profesio de ŝuisto; li kapablis voĉlegi la fabelojn de «Mil kaj unu noktoj» kaj la komediojn de la dana komediverkisto Holberg, antaŭ sia filo. Post la morto de la patro en 1816 la malriĉeco fariĝis premanta, iom post iom fakte mizera, la patrino sin vivtenis kiel lavistino kaj poste fariĝis drinkema, sed Hans Christian daŭre vivis en sia mondo de revoj kaj ludoj.

La travivaĵo, en la teatro de Odense, vidi reĝan teatran prezentadon estis decidiga por lia estonteco: li decidis fariĝi dancisto aŭ kantisto ĉe la teatro. Kaj kontraŭ ĉies konsiloj kaj avertoj, la 14-jara longa kaj strangaspekta knabo iris al Kopenhago por serĉi bonŝancon kun dek taleroj (malnova monunuo dana) en la poŝo, kaj krom tio nur kun sia forta memfido kaj kredo je la boneco de la sorto. Kompreneble li malsukcesis, la direktantoj de la reĝa teatro lin malakceptis, kaj same faris la dancistino, kiun li vizitis kaj konsternigis dancante soldancon en ŝia ĉambro. Tamen la bonŝanco kaj liaj strangaj ecoj havigis al li protektantojn inter la kopenhagaj artistoj, tiel ke li ricevis monon por iom lertigi sin. Li vivis tre malbone en la ĉefurbo dum tri jaroj, poste eĉ pli[illegible]izere kaj fine sur la rando de la senespero. En la reĝa teatro li ensorbis ĝian ravan atmosferon kaj komencis verki teatraĵojn. Du dramojn li verkis, laŭ la plej bonaj modeloj de la tempo. Senhelpaj kaj neintence komikaj ili estis, sed ili fariĝis lia savo. La teatra direkcio trovis ilin promesantaj kaj la plej granda protektanto de Andersen, la financdeputito Jonas Collin, unu el la plej potencaj viroj de la ŝtato, helpis lin kaj metis lin helpe de la reĝo en la latinlernejon de Slagelse.

Tiam studenta ekzameno estis necesa akceptilo al la parnaso kaj al la pli altaj kulturrondoj. Sen klasika studado la malriĉa knabo de Odense neniam estus pli ol mizera originalo. Estis por li granda provo, terura tempo. Jen du kontraŭaj fortoj karambolis, kvazaŭ fajro kaj akvo: senpera, impulsema, kreanta kaj improvizanta naturo devis porti la ĉenojn de ordeno, diligenteco, disciplino, precizeco kaj ekzameno laŭ la malnova lerneja formo. La rektoro de la lernejo fariĝis pli kaj pli ekscitita kontraŭ li, fine rekte malamika kaj moke ironia. Kiel neniam antaŭe aŭ pli poste, Andersen ĉi tie estis *la malbela anasido.* Li suferis, plendis kaj humiliĝis, en sia mizero rezigni pri ĉiuj revoj, sed denove li saviĝis, forprenita de la lernejo (la adiaŭaj vortoj de la rektoro estis: «Iru al la infero!») kaj preparata por ekzameno per privata instruado. Li trapasis la lernejan purigadon, konservante sian artistan naturon, sed tio estis por li multekosta: la daŭra timo kaj humiliĝo de ĉi tiuj lernejaj jaroj estas la ĉefaj kaŭzoj de lia neŭrotika karaktero dum la resto de la vivo, de lia sento pri malplivaloro kaj de la —de tio devenanta— nenormala sentemo antaŭ kritiko kaj nenormala bezono por laŭdoj kaj gloro, kaj lia fama kaj senlima vanteco.

Post la ekzameno en 1828 Andersen daŭrigis la studadon ankoraŭ unu jaron, kaj poste li ĉesigis ĝin kaj komencis sin vivteni per sia plumo. Kopenhago tiam, 1825-50, estis la centro de malofta spirita evoluo, de nekutima intereso pri filozofio, literaturo kaj arto, eble

speco de rekompenco por la politika neaktiveco dum la absolutismo. Etika klereco estis la celo de tiu tempo kaj la reĝa teatro estis la centro de la vivo. Tiun tempon oni nomas «la dana orepoko» kaj tiam vivis la poetoj Oehlenschlaeger kaj Grundtvig, la skulptisto Thorvaldsen, la sciencisto Orsted kaj la filozofo Kierkegaard, krom multaj aliaj eminentaj personoj, kies nomoj ne estas konataj ekster la limoj de Danujo. Estis fruktodona tempo, sed ankaŭ eta mondo, kie oni tro bone konis unu la alian kaj kie kritiko, ironio kaj ĉikano bone floris. Ankaŭ tiu ĉi delikata, preskaŭ superkulturita atmosfero estis por Andersen bona lernejo. Jen oni postulis ne nur personecon kaj ideriĉecon, sed en eĉ pli alta grado formalan virtuozecon, elegantecon, spritecon kaj akran plumon kiel defendilojn. Andersen estis kutima gasto ĉe multaj altrangaj familioj de la urbo kaj ĉe signifaj poetoj kaj artistoj. Lia spirito abunde nutriĝis. Kaj en la multnombraj situacioj, kie li daŭre sentis la protektantan ŝajnafablecon kaj malrespekton aŭ sentis la venensagojn de la kritiko, li lernis la uzadon de siaj talentoj por humoro kaj ironio. Li vere hardiĝis kaj alklimatiĝis al la diversaj rondoj. Liaj denaskaj kapabloj, lia kreskado en malriĉa medio, liaj konfuzaj kaj turmentaj studjaroj en la teatro kaj en la latinlernejo, kaj lia literatura kleriĝo en la plej altaj rondoj de la ĉefurbo, estis la kondiĉoj por lia verkado.

Lia aŭtoreco jam komenciĝis en la jaro 1822, tuj antaŭ lia restado en la lernejo en Slagelse, per eta kajero ***Junecaj klopodoj*** sub pseŭdonimo William Cristian Walter (William laŭ Shakespeare, kaj Walter laŭ Walter Scott). Per freŝa emo li post la studjaroj komencis produktadon en multaj diversaj formoj: poemoj, vojaĝpriskriboj, romanoj kaj teatraĵoj. Vojaĝi kaj vidi fremdajn landojn estis por li, dum la tuta vivo, la plej granda ĝojo kaj inspiro. Lia unua prozaĵo estis la fantaziplena priskribo ***Piedvojaĝo de Kopenhago ĝis la orienta marbordo de Amager;*** poste sekvis la de Heine inspirata ***Ombraj bildoj,*** priskribo de vojaĝo al Harzen, kaj en postaj jaroj li daŭre entreprenis novajn vojaĝojn, precipe al suda Eŭropo. Longa vojaĝo tra Germanujo, Italujo, Grekujo, Turkujo kaj hejmen laŭ la Danubo, kaŭzis la brilan priskribon ***Bazaro de poeto.*** Poste venis la vojaĝpriskriboj ***En Svedujo*** kaj ***En Hispanujo.*** Ĉi tiuj vojaĝlibroj elradias liajn specialajn observpovon kaj vojaĝ-ĝojon, lian senton por la poezio de la realeco kaj de la ĉiutago, kaj inter alie ili montras al ni, kiel li meze de la romantika tempo ĝojis pri la teknika evoluo kaj sentis ĝian enorman eblecon. Li povis fantazii pri la flugmaŝino kaj pri fenomenoj similaj al la radio.

Pli konata li fariĝis pro siaj romanoj. Post sia raveco pri la travivaĵoj de la kolorriĉa popolvivo en Italujo, li ekverkis ĉi tiujn romanojn: ***La improvizanto,*** kiu rapide fariĝis vera sukceso. Poste sekvis ***O. T.*** kaj ***Nur muzikisto.*** Komunaj por tiuj tri romanoj estas la fortaj elementoj de membiografio kaj memtravivaĵoj, impresoj de lia infaneco kaj juneco, la mizero kaj suferoj de la malriĉa artisto, enkadritaj de pitoreskaj kaj veremaj rakontoj similaj al la vojaĝpriskriboj. En ***La du baroninoj*** malaperis la subjektiva elemento, dum la substreko de la socia maljusteco estas pligrandigita. Ambaŭ du heroinoj de la libro montriĝas esti naskitaj en la plej malalataj rondoj de la socio.

Ĉiuj la supre cititaj verkoj estus povintaj havigi al Andersen grandan reputacion en lia tempo, sed la mondfamon kaj posttempan amon kaŭzis komprenèble ***La fabeloj.*** La unua kajero kun la fabeloj ***Fajrilo, Malgranda Niko kaj granda Niko, Reĝidino sur pizo, Floroj de la malgranda Ida*** estis sekvata de alia kajero enhavanta inter aliaj ***Elinjo-Fingreto*** kaj ***Vojkamarado.*** Sekvis tria kajero enhavanta inter aliaj ***La virineto de maro*** kaj ***La novaj vestoj de la reĝo.*** Estis malgrandaj modestaj kajeroj, kiuj ne vekis tro da intereso, sed la saĝa H. C. Orsted jam tiam diris: «La romanoj famigis Andersen, sed la fabeloj faros lin senmorta». La verkisto mem apenaŭ komprenis, ke jen li trovis sian veran esprimformon, tiun stilon kiu kunigis ĉiujn liajn fortojn en unu tuto, sed la akcepto de la fabeloj ĉirkaŭe en la mondo verŝajne iom post iom montris tion al li. Li daŭrigis ĝis siaj lastaj jaroj, kun paŭzo de tempo al tempo, aperigi novajn kolektaĵojn da fabeloj kaj historioj. Dum la unuaj kolektaĵoj nur estis «Fabeloj rakontitaj por infanoj», li poste en la daŭro de la jaroj agordigis kaj riĉigis la formon tiel, ke la fabeloj ofte sin turnas kaj al infanoj kaj al plenkreskuloj; kelkfoje nur al plenkreskuloj.

Kio estas la sekreto de la forto de liaj fabeloj? Mi opinias, ke oni povas montri du

ĉefkaŭzojn. Unue, la magia kaj mirakla mondo de la fabeloj estis por Andersen kaj lia infanmedio io natura kaj vera, io en kio li kreskadis kaj kun kio li vivis. Li ne bezonis *imiti* malnovan formon, ne *surpreni* sur sin rolon de naiva rakontanto kaj senpera infaneca naturo. Li *estis* tia. Tial oni sentas liajn fantaziaĵojn, lian ludon kun la objektoj, liajn inspirojn de floroj, insektoj, pilkoj kaj stansoldatoj kiel konvinkigan artistan veron.

Due, lia propra vivo sin formis kiel pruvo je la enhavo de la popolfabeloj: la revo de la ordinaraj homoj pri sukceso,la privenko de ĉiuj malfacilaĵoj kaj altrangaj konkurantoj de la malriĉa knabo, la optimisma kredo, ke natureco kaj sana prudento privenkos riĉecon, snobecon, hipokritecon kaj maljustecon. Liaj propraj spertoj, liaj venkoj same kiel liaj humilaĵoj, eniras kiel vivanta ŝtofo en multajn el liaj fabeloj. Do ankaŭ ĉi tie vero anstataŭ imitaĵo. Krome la fabela formo donis al li eblecon, pere de bildlingvo kaj ruza simboliko, esprimi tion, kion li ne povis permesi al si elparoli rekte: Li povis esprimi siajn suferojn kaj sian fieron *(La malbela anasido)*, sed ankaŭ ironii pri siaj propraj malfortoj; li povis rakonti pri sia malfeliĉa patrino *(Ŝi estis tute sentaŭga)*, montri sian simpation por la malfeliĉuloj en la socio *(Ĉio sur sian ĝustan lokon)*, kaj ataki la entuziasmon pro la malnova tempo *(Ĝaloŝoj de feliĉo)*, kaj li povis ataki siajn kontraŭulojn, venĝi pro nejusteco kaj humiliĝo kaj inciteti la kritikantojn. Li estis majstro pri la laste nomita kaj multaj moketoj kaj malicaĵoj sin kaŝas en la naiveco de la fabeloj. Ni bone konas lian vivon kaj liajn pensojn. Li skribis taglibron, amasojn da leteroj, kaj plurfoje li verkis sian membiografion. En 1855 li verkis sian ĉefan membiografion *(La fabelo de mia vivo)*, preciza rakonto pri lia malfacila vojo al la famo. En tiu ĉi jaro li jam atingis grandan reputacion, fariĝis konata ekster la limoj de Eŭropo, kaj lia famo kreskis de jaro al jaro. Ĉie oni montris al li admiron kaj honorigon, tamen pli multe en eksterlando ol en lia naskiĝlando.

Li vivis el la varmo de la admiro kaj famo, ne povis vivi sen ĝi, ĉar li estis soleca homo, al kiu normala feliĉo ne estis destinita: la tragedian finon de juneca enamiĝo certe kaŭzis li mem, kaj lia tre priparolita amo al la sveda kantistino Jenny Lind ne estis reciproka. Ni povas dubi pri tio, sed li mem diris, ke li estas feliĉa, kaj li dankis al Dio pro tio: «La historio de mia vivo instruos al la mondo, kion ĝi instruis al mi: ke ekzistas bona Dio, kiu gvidas ĉion plej bone».

Li mortis en Kopenhago la 4-an de aŭgusto 1875.

*Sven Moller Kristensen.* Tradukis: Gustav Kühlmann.

***Rim. de la Red.*** Por ni, esperantistoj, estas eksterordinare ĝojige rememori pri Andersen, por kiu Zamenhof montris tiom da simpatio, ke li tradukis liajn plej famajn fabelojn, kaj multaj el ni ekkonis Andersen kaj liajn mirindajn fabelojn nur per iliaj esperantaj tradukoj.

---

## ISABEL RÉGULO RODRIGUEZ

18 - 1 - 1955

Jen, post Ana kaj María,
venas la Gracio tria!
Ho bonvenon, etulino,
al la familia sino!
Floru en feliĉo sana
verve-gaja kiel Ana,
ŝaŭme-ĝoja laŭ María!
Ardu en animo via
kor' de panjo—amprofunda,
kor' de paĉjo—flamabunda
por la bono kaj la bel'.
Ĉian benon, Isabel!

*Retto Rossetti.*

# FREMDULO SUR LA TERO

La ĉiutaga miraklo finfine okazis. La lerneja sonorilo sonoris tra la koridoroj: malrapide, nekompreneble malrapide, la instruistino formetis siajn librojn kaj misterajn notlibrojn. Ŝi starigis la klason, vicigis la klason kaj liberigis la klason; la geknaboj eksplodis en la ludejon kaj iliaj brilaj koloroj iĝis artaj fajraĵoj sur la griza nokto de la asfalto. Post du minutoj la nokto regriziĝis; la geknaboj disiĝis inter la stratoj.

Paŭlo, sepjara knabo, brunokula kaj malpurgenua, eliris la pordegon. En lia mano estis kolorigita bildo de kuniklo kiu manĝis laktuk-folion; la instruistino donacis ĝin al li pro bonaj respondoj. Lia mano iomete ŝvitis.

Ĉiama problemo de la eble tro pensema, larĝokula knabo estis la fakto, ke post la miraklo de la ĉiutaga liberiĝo la travibro ne multe daŭris; li kutime pensis dum la lecionoj pri la karegaj du horoj, kiujn li poste havos por fari ion interesan; sed ofte la hejmaj horoj strange tedis. La ekstera mondo estis tiel malkomprenebla..... Oni plenigis la mondon, dum la nekredeblaj jaroj antaŭ lia naskiĝo, per tro da malfacilaĵoj: ŝuoj kun laĉoj, grandaj butonoj, malgrandaj butontruoj, krajonoj kiuj ne volas efektivigi "la belajn literojn jam videblajn en la cerbo, inko kaj akvo kiuj invitas por kunludi kaj poste mallojale renversiĝas; manĝiloj kiuj malhelpas la plezuron de manĝado; kaj multe tro da sapo. La vivo ankaŭ havis plezurojn, mirindajn plezurojn, ekzemple bona koto, bona bastono, la magneto kiun pli granda knabo montris en la lernejo, peceto da kruda pasto inter la manoj, aŭ la epopea batalo inter la maldekstraj kaj dekstraj fingroj en la lito, sub la litkoviloj: sed la plenaĝa mondo neniel komprenis. Nun Paŭlo ne eĉ miris pro tio; la plenaĝa mondo ne kapablas kompreni, kaj jen la fino! Klarigoj ne valoras; sinceraj klarigoj eĉ ofte gajnas manfrapojn; tial, prudenta knabo neniam penas uzi la plenaĝajn volapukaĵojn. Fremduloj, malsamlingvanoj, devas esti taktoplenaj.

La forto de la liberiga eksplodo portis Paŭlon al la strato; lia entuziasmo sin montris per ĝoja kriego kaj li kuris al la stratangulo; ĝoje li turniĝis ĉe tiu angulo; sed subite la fremda mondo montris sian oftan mallojalecon; la pavimo eksaltis kaj frapegis liajn genuojn kaj manojn. Samtempe la pikildrato sur la barilo malice apogis sin sur la pantalono de Paŭlo kaj iom ŝiris ĝin. Larmoj venis en liajn okulojn, sed li regis sin; ploro estas senutila; tiaj mallojalaĵoj ofte okazis kaj oni ne devas ekscitiĝi. Li ree ekmarŝis.

Sed la stranga mondo petis lian pardonon per kompleza gesto: brila blua papilio ne nur flugis antaŭ liaj okuloj, sed ankaŭ afable sidiĝis sur la barilo. La ŝtalkoloraj flugiloj vibris; la knabo povis vidi ĉiujn detalojn; la tremantajn antenojn, la ses etajn piedojn, la rostron kvazaŭ delikata risorto, la malmolajn okuletojn. Travibro tremigis la ventron de Paŭlo; lia ombro falis sur la papilion; la peco da ĉielo forflugis; sed post dudek paŝoj alia miraklo okazis.

Malbela, taŭzita, malgrasa, nigra katido subite eliris domon kaj frotis sin kontraŭ la kruroj de Paŭlo. La knabo kliniĝis kaj karesis la beston; li sentis la etan korbon de ripoj, la etan spinon, kaj, subite, la vibron de zumado kvazaŭ kaŝita maŝino. Poste, la katido levis la okulojn kaj Paŭlo vidis la metalan verdon de tiuj malsategaj juveloj. Lia plezuro estis forta.

«Ho, knabeto, vi ne devas tuŝi tiun kataĉon; ĝi estas sendube malsana», diris nekonata voĉo. Paŭlo vidis afablan sinjorinon, kiu ridetis al li. «Ĝi estas malpura katetaĉo».

La aspekto kaj la voĉo estis afablaj; tio ne estis riproĉo; sed Paŭlo denove sentis sian fremdecon en la mondo. La afabla sinjorino ne vidis la verdon en la profundaj okuloj. Paŭlo sentis la bezonon esti malĝentila kaj forkuri sen respondo. Li ekkuris, kaj senintence piedfrapis la katidon, kiu forkuris per belegaj kurbaj saltoj. Paŭlo preteriris alian stratangulon.

La strato estis interesa; sed oni devas rapide hejmeniri, ĉar, se ne, la plenaĝuloj ekscitiĝos. Ankaŭ, kremkukoj eble estos sur la temanĝa tablo....,

Sed Heleno ankaŭ estos ĉe la temanĝa tablo. Kaj Heleno estas nekomprenebla per-

fidulino. Ŝi estas deknaŭjara.... Kiam ŝi estis dekdujara ŝi tre interesiĝis pri la nova bebo, kaj estis jaroj kiam ŝi estis, kvankam tre granda, bona amikino. Sed antaŭ kelkaj jaroj ŝi iĝis perfidulino; ŝi forlasis ĉiujn infanajn interesojn, ŝi ŝatis sidi pli ol kuri; ŝi multe legis kaj ne volis salti trans riveretojn; ŝi komencis zorge frizi la hararon; kaj ŝi ofte riproĉis al Paŭlo pro liaj bruaj ludoj; por mallonge klarigi, Heleno perfide lernis la lingvon de la okupanta armeo, la lingvon de la plenaĝuloj. Tiu ĉi ŝanĝo profunde ŝokis la knabon. Nun la penso pri la pli aĝa fratino estis tute malagrabla.

Sed li ne senesperis pri kremkukoj. Li eniris la domon, kiel kutime, tra la malantaŭa pordo. Strange, lia patrino ne estis en la kuirejo, kie li kutime devis lavi la manojn. La okupanta armeo ĉiam malhelpas plezurojn; oni devas lavi la manojn antaŭ la manĝo, manĝi du pecojn da buterpano antaŭ la kuko kaj poste sidi enue ĉe la tablo ĝis la fremda registaro finmanĝis. Sed hodiaŭ eble lia bona ŝanco daŭros kaj li povos ŝteliri en la manĝoĉambron sen lavi la manojn. Eble la bildo de kuniklo —kiu nun estis iom ĉifita— kaj la papilio kaj la katido, estis omenoj. Paŭlo tre senbrue eniris la manĝoĉambron kaj neniu eĉ ordonis al li, ke li viŝu la piedojn sur la mato.

Ĉu estos kremkukoj por finplenumi lian feliĉon?

Tute ne; la temanĝo ne estis eĉ preta; la manĝoĉambra tablo brilis, nigra, polurita, sen tablotuko. La kosmo de Paŭlo komencis ĥaosiĝi. Heleno, kun grandegaj okuloj en grizblanka vizaĝo, staris apud la plej malproksima muro. Patrino, tre ruĝa, tenis en la mano leteron preskaŭ disŝiritan; kaj sur la frunto de Patro la vejnoj elstaris kvazaŭ kolubretoj. Neniu rimarkis la knabeton, kiu staris apud la pordo, silenta pro miro, senmova pro la prudento de juna vivspertulo.

Vortoj flugis, flugadis, vortoj kun kriegoj, ploroj, ĝemoj, sarkasmoj, kolero kaj senespero; sed Paŭlo komprenis nenion. Kiel kompreni? Tiaj aferoj ne okazas; la plenaĝa okupanta armeo kiu regadas la malfacilan mondon neniam disiĝas pro kverelo. Paŭlo komprenis, per la speco de bruo, ke iu faris ion malbonegan; eble temis pri io eĉ pli malvirta ol forgesi viŝi la piedojn aŭ ol renversigi tason; sed li ne klare vidis, kiu estis malvirta, ĉar, laŭ sia scio pri la vivo, unu devas esti malvirta dum la alia riproĉas; kaj nun tri personoj riproĉas unu la aliajn. La bruo estis terura, kaj Paŭlo timis ian nekonatan danĝeron. Sed la nova aspekto de la vivo estis interesa.

Subite Paŭlo vidis en la okuloj de Heleno ke ŝi ankaŭ ne komprenis; kaj poste ŝi ekploregis.

Ĉio klariĝis: la knabo sciis, ke la fratino jus forgesis la fremdan lingvon. La patro prenis ŝin per la brako, ankoraŭ riproĉkriante, kaj komencis forpuŝi ŝin el la ĉambro; Paŭlo rapide eliris kaj, antaŭ ol iu ajn rimarkis lin, eniris la kuirejon, kie li restis, silenta. Li aŭskultis la bruon de piedoj sur la ŝtuparo, kaj la batfermon de la pordo; poste, la patro revenis kaj diris al patrino la unuajn vortojn kiujn Paŭlo komprenis.

«Mi enŝlosis ŝin en ŝia ĉambro ĝis si revenos al racieco».

Paŭlo bone komprenis tiun ĉi frazon; kiam oni estas treege malvirta, oni estas malliberigita sen temanĝo. Tio ofte okazas, ĉar la plenaĝuloj estas la pli fortaj.

La patro fermis la pordon de la manĝoĉambro: voĉoj murmuradis malantaŭ la pordo; la gepatroj estis aŭdeble okupataj.....

Sed fratino Heleno estas malfeliĉa, kaj ŝi videble pentas pro sia perfido, ĉar nun ŝi denove suferas la malaprobon de la fremda registaro. Bone: Paŭlo komprenis tiajn aferojn; li ankaŭ sciis grimpi, per la ĝarden-rulumilo, kesto kaj du florpotetoj, sur la ĝardenbudon, kaj de la tegmento li povis vidi la ĉambron de Heleno; li jam ofte estis vangofrapita pro tiu ĉi peko, sed nun Heleno sendube bonvenigos lin.....

La grandokula knabo staris, penseme, en la kuirejo. Li hezitis. Poste, li iris en la manĝaĵejon kaj ŝtelis du kuiritajn kolbasojn, panbulkon, paketon da biskvitoj, kaj pecon da butero; li kaŝis ĉion sub sia jako kaj iĝis tre dika. Li ŝteliris kun siaj ŝtelitaĵoj.

Post dekkvin minutoj da penego, li atingis la fenestron de Heleno. Jes, vere ŝi tute forgesis la fremdan lingvon; ŝi ploregis sur sia lito.

«Henjo!» flustris la knabeto.

«Ho, Paŭlo!» ŝi ekkriis.

«Ĉu vi estas malsata?» Li montris sian rabitaĵon.

«Ne, ne, Paŭlo, mi ne povas manĝi».

Bedaŭrinde, ŝi restis iomete nekomprenebla: sed post minuto komenciĝis la plej granda aventuro de Paŭlo.

«Envenu», diris Heleno, kaj malfermis la fenestron; Paŭlo ne kapablis grimpi en la ĉambron, sed ŝi helpis lin; jen, li subite staris en ŝia ĉambro.

«Mi ŝtelis kolbasojn por vi».

«Paŭlo, vi estas bonega knabo. Mi neniam forgesos. Sed lasu ĉi tie la manĝaĵojn; eble mi poste povos manĝi.... vi scias, ke vi ne deziras manĝi, kiam vi devas plori».

«Sed kial vi ploras, Henjo?»

«Mi ne povas klarigi, Paŭĉjo —mi havas grandan amikon, kaj Paĉjo kaj Panjo malpermesas, ke mi revidu lin. Ĉu vi iomete komprenas?»

«Jes». Li ne komprenis tiom kiom li opiniis; sed tio ne multe gravis.

«Paŭĉjo, mi ne eĉ povas skribi al li. La pordo estas ŝlosita; mi ne havas paperon; kion mi faros?» Kaj Heleno denove ekploris.

«Eble mi havas paperon». Paŭlo malpleniĝis la poŝojn sur la liton kaj ili vidis: hipokaŝtanon; du rondajn ŝtonojn; elastaĵon; kreton; tre malpuran kaj duone manĝitan krajonon, kiun Heleno kun ĝoja krieto ekkaptis; pecon da malpura ĉokolado; bombonon; tri konketojn, kvar moneretojn kaj grizeĝan naztukon.

«Papero.....» diris Paŭlo penseme.

Ideo frapis lin.

«Kie estas mia kuniklo?»

Heleno montris la influon de la plenaĝa stulteco per la vortoj: «Paŭĉjo, karegulo, mi tute ne deziras vian kuniklon». Sed la bildo de la kuniklo, iel volvita ĉirkaŭ kuirita kolbaso, ĉifita, malpura, tamen estis papero.

«Paŭĉjo, ĉu vi povas porti leteron al la radiovendejo, kaj doni ĝin al la vendisto kun ruĝa hararo?»

«Jes», diris la knabo, kiu bone konis kaj aprobis la radiovendejon, ĉar la ruĝhara elektristo ofte permesis al Paŭlo ludi kun sonorilo.

Heleno skribis rapidege.

«Li helpos min; pri tio mi certas. Li vere amas min. Mi nur devas klarigi ĉion al li».

Ŝi faldis la leteron, la kuniklo estante ekstere; neniu ajn suspektos pri bildo de kuniklo en la varma mano de knabeto.

«Kuru, Paŭĉjo!» kaj ŝi kisis lin. Paŭlo tute ne ŝatis kisojn, sed li tre ŝatis aventurojn. Li grimpis teren —longa peno— kaj eliris en la straton; la voĉoj ankoraŭ murmuradis en la manĝoĉambro, kaj Heleno zorge refermis la fenestron sen bruo.

Paŭlo kuris tra du stratojn al la radiovendejo; la vendejo estis ankoraŭ malfermata; la ruĝhara elektristo staris malantaŭ la servotablo.

«Bonan vesperon, bubĉjo», li diris.

«Mi havas leteron por vi».

La juna elektristo prenis la kuniklon kaj ridetis; sed li ne tute forgesis la infanajn jarojn, kaj, ne volante ĉagreni la knabeton, li solene disfaldis la paperon. Poste, lia vizaĝo paliĝis, ruĝiĝis kaj finfine tre firmiĝis.

«Se vi vidos Helenon, amiĉjo, diru al ŝi, ke mi iros se necese antaŭ la juĝisto por la geedziĝ-permeso. Kaj ke mi baldaŭ liberigos ŝin, eĉ se mi devos forŝteli ŝin —mia patrino zorgos ŝin— mi neniam forlasos ŝin; ŝia patrino ne pravas malfidante al mi; kaj nun mi vidas ke Heleno estas kuraĝulino. Ĉu vi memoros kaj komprenas?»

«Jes», diris malvere sed bonintence Paŭlo.

# KONSTRUU KAJ NE DETRUU

La mondo estas emociita dum ĉi tiuj tagoj de grava okazaĵo. La gazetoj kaj la radio dediĉis grandajn spacojn en siaj eldonoj kaj elsendoj al la informado de tiu evento. Temas pri vakcino kontraŭ la poliomjelito, ĵus malkovrita de la usona eksperto, doktoro Jonas Salk.

En mondo kiel la nia, eterne turmentita de signoj de katastrofoj kaj signaloj de militoj, estas kontentige konstati, ke malgraŭ ĉiuj malbonaj fortoj, ankoraŭ restas homoj, kies ambiciaj penadoj estas dediĉitaj al la bonstato de la tuta homaro.

Kontraŭ la tekniko, kiu celas detruon kaj malbonon, leviĝas ankoraŭ noblaj spiritoj senĉese luktante por la plibonigo de la sano. Inokulante serumon de mortintaj virusoj en milojn da paralizitaj infanoj, doktoro Salk elpensis vakcinon kontraŭ la terura plago.

La homoj inklinas ĝoji pro la inventoj de novaj armiloj, kiel ekzemple, atomaj kanonoj, kiuj polvigas milojn da vivantaj estaĵoj, aŭ hidrogenaj bomboj, kiuj ruinigas kompletajn regionojn... Mi devas konfesi, ke mi suferas pro tiaj inventaĵoj; eble pro tio, ke mi ne estas homo de mia tempo.

Mi preferas tiujn aliajn eltrovojn, kiuj anstataŭ mortigi, liberigas la homojn el suferoj kaj malsanoj. Mi opinias, sekve, ke la malkovro de la vakcino Salk, kiu ebligos protekti la infanojn kontraŭ la timegiga poliomjelito, estas multe pli grava ol ĉiuj eksperimentoj pri nukleaj bomboj.

Dum multaj sciencistoj penas por trovi la plej mortigajn armilojn por nova masakro, aliaj kompetentaj fakuloj klopodas por konduki la malfeliĉan homaron al pli alta nivelo de sano kaj bonstato.

La pacamantoj povas ĝoji, do, ke ne ĉio sur la mondo estas malbona kaj malhumana. Hieraŭ estis doktoro Fleming, la glora eltrovinto de la antibiotikoj, kiuj tiom da homoj liberigis el morta danĝero; hodiaŭ estas doktoro Salk, la honorinda malkovrinto de vakcino kontraŭ la terura malsano, kiu tiom da infanoj falĉis, aŭ paralizis dumvive.

Morgaŭ estos aliaj bonfarantoj, kiuj ankaŭ penos por ke ĉi tiu mondo ne estu eterna plendovalo. La homoj ne rajtas detrui, kion Dio konstruis.

Honoron do, al tiuj kiuj konstruas kaj ne detruas!

*Ricardo Quiles.*

---

«Kaj se vi ne povos vidi ŝin —ne multe gravas, ĉar iel mi baldaŭ liberigos ŝin..... Vi estas bona knabo».

Tio certe ne estis la plenaĝa lingvo, kiu konas nur multajn sinonimojn de «malbonega».

«Ĉu vi deziras ion?» La elektristo metis la manon en la poŝon kaj elprenis kelkajn monerojn. «Aŭ ĉu vi deziras alian helpemo-premion?»

Deziro aŭdaca, neebla kaj troega kvazaŭ uragano venis en la koron de Paŭlo; sed oni ne povas paroli pri la plej intimaj revoj de knaba koro. Li movetiĝadis kaj ruĝiĝis.

«Mi donos al vi ion ajn por tiu ĉi mesaĝo», plikuraĝigis la juna elektristo.

Paŭlo, mirante pri sia propra kuraĝo, balbutis, «Mi ege ĝojus havi magneton».

La ĉielo pretiĝis fali; ĉar la elektristo metis sian vilan manon en tirkeston kaj elprenis hufferforman magneton, stangforman magneton, kelkajn pecetojn de diversaj dratoj, kaj malnovan porcelanan izolilon.

«Ĉu tiuj ĉi aĵoj plaĉas al vi, bubĉjo?»

«Ho, dankon, dankegon..... ho... o... o... o!»

Paŭlo metis la mirindan trezoron en sian poŝon kaj forkuris.

«Kial vi venas tiel malfrue!» kolere diris la patrino, kiam li reeniris la hejman pordon. Sed Paŭlo ne devis trovi respondon, ĉar ŝi daŭris, per la plenaĝa rajto scii ĉion kion oni ne bone scias, «Sendube ĉar vi ludadis en la ludejo kaj en la stratoj! Vi estas granda ĝenanto! Nu, lavu la manojn! Ne malsekigu vian jakon! Vi malŝparas la sapon; ne ludu per ĝi! Ho, pro kiu ĝojo oni havas infanojn? Kaj mi estas tiel turmentata, ke mi ne povas eĉ trovi ion en la manĝaĵejo. Iru rapide preni vian temanĝon».

Dum la nokto, diversaj bruoj vekis Paŭlon. Sed la longa nokto ne ĝenis lin. Li nur prenis stangforman magneton kaj trankvile komencis fari ĉenon el pingloj sur la kapkuseno.

# NOVAJ LIBROJ

*Recenzistoj esprimas ĉi tie siajn proprajn juĝojn pri verkoj.*
*La Redakcio kaj la Estraro de HEF estas tute sendependaj de iliaj opinioj.*

**NEDERLANDO (Miraklo el la Akvo) Fotokolekto de E. van Wijk, kun teksto de Mag. E. Elías, tradukita de Julia Isbrucker. Formato: 22 x 31 1/2 cm. 191 paĝoj, el kiuj 16 kun kolorfotoj. Luksa tolbindo kun ora stampo. Prezo: 27'50 guldenoj, egalvalore al 110 steloj, krom la sendkostoj. Mendebla ĉe Internacia Esperanto - Instituto aŭ pere de nia Libro - Servo.**

Kiam esperantisto foje haltas kaj gape platigas sian nazon ĉe la kristalo de montro-fenestro en librovendejo, li ne povas eviti iun specon de melankolio, rigardante la luksajn nacilingvajn bildlibrojn, kiuj tie fiere pompas, ĉar tia lukso kaj tiaj volumoj, kun riĉa kolekto da bildoj pri arto aŭ turismo, ankoraŭ estas kvazaŭ utopia revo en la esperantaj eldonoj, kvankam ĝuste en tiuj du branĉoj Esperanto devus okupi elstaran lokon.

Sed, jen ĵus la brava iniciatemo de la eldonejo W. van Hoeve, en Hago, eldoninte ankaŭ en nia lingvo belegan albumon pri Nederlando, kuraĝe trabatas vojon kaj malfermas vastajn perspektivojn, laŭ la nomita direkto. En posedo jam de ĉi tiu juvelo, ni ne plu sentos envion antaŭ la plej loga nacilingva libro, ĉar la fotografaj delikataĵoj de E. van Wijk, kiujn majstre garnis lingve S-ino Isbrucker, kontentigas ĉiujn dezirojn, plenumas ĉiujn aspirojn kaj eĉ devigas nin ĉiujn agnoski, ke la sufiĉe alta prezo, asignita al la impona volumo, aspektas ja ridinde malalta, kiam oni konscie taksas nur ĝian materian valoron. La utopia revo fariĝas realo...

La tuta Nederlando —kie la potencon de la akvo oni utile dresis!— montriĝas poezie kaj plastike, kvazaŭ per ia fantazia ekrano, tra la mirindaj paĝoj de la libro, ĉar «Van Wijk migris tra la lando kaj prenis siajn fotojn ĉie, kie li vidis ĉarman loketon, belan fasadon kaj karakterizan anguleton. Kaj li ne kontentiĝis per aleoj, fasadoj kaj arbogrupoj, sed li kaptis ankaŭ tiujn homojn, kiuj estas tipe nederlandaj kaj kiuj harmonias kun la dekoro. S-ro Elias ornamis ĉi tiun kolekton per agrablaj poeziaj rakontoj pri grandaj kaj malgrandaj urboj, pri la trankvileco de la kamparo, pri la akvo kaj la floroj kaj pri la homoj...»

Tamen, la antaŭaj vortoj, ĉerpitaj el klariga noto, pale reflektas nur radieton el la sorĉa lumo, kiun la ĉarmaj bildoj disradias, kiel aroga pionira ekzemplo, en arta voko, por sinsekva apero de similaj albumoj pri ceteraj landoj kaj popoloj de la tuta mondo. En la nunaj decidaj momentoj, kiam Esperanto komencas esti serioze atentata en gravaj superaj instancoj, ĉi tiu admirinda verko taŭgas oportune por doni prestiĝon al nia Movado kaj plezuron al ĝiaj adeptoj, kiuj. se ili mem pro financaj baroj ne povas aĉeti ĉi tiun valoran volumon, nepre devas postuli ĝian akiron por la biblioteko de sia grupo aŭ de sia klubo.

Tiel ni pruvos, ke la esperantistoj scias funde frandi bongustaĵon kaj praktike danki samtempe la klopodojn de tiuj entreprenistoj, kiuj sindoneme ebligis la frandaĵon...

*Luis Hernández.*

**ESPERANTO-REVUO INTERNACIA, Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio, N.° 591, Februaro 1955, 40 paĝoj. Akirebla ĉe Libroservo de Hispana Esperanto-Federacio, Pelayo 7, Valencia. Prezo: 10 pesetoj.**

Ĝi estas tre interesa kaj valora legaĵo, kiun ĉiu esperantisto deziros posedi, ĉar ĝi enhavas la tutan historion de la okazintaĵoj en Montevideo, kiam Prof. Lapenna, al kiu donis la plej valoran kunlaboron la Montevidea gesamideanaro, devis batali kontraŭ la malkompreno, la malŝato, la mokemo de delegitoj de kelkaj landoj. La rakonto de tiuj aferoj estas interesega kaj pli streĉa ol detektiva romano. Ĝi enhavas ĉiujn dokumentojn, per kiuj niaj samideanoj skermis kontraŭ ĉia kontraŭstaro, ĝis atingo de la decido favora al Esperanto. Nepre akiru ĝin kaj vi konvinkiĝos, ke mi ne troigas.—*J. B.*

---

BOLETIN
de la
DERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Adreso de la Redakcio kaj Federacio
Str. Pelayo, 7, 1.ª
VALENCIA

---

## Federación Esperantista Española

ogamos a aquellos miembros de nues-
ederación que todavía no se han puesto
rriente en el pago de su cotización de
se sirvan hacerlo lo antes posible.
unio próximo, a aquellos que todavía
hayan hecho, nos permitiremos remi-
el número de dicho mes contra reem-
del importe de la referida cotización.

---

## NACOJ AL NIA BULTENO

**Antaŭa sumo 645 pesetoj.**

**Albalat, 10. — F. García Merchán, 10. — ellas, 10.-E. Wolff, 25.-F. Snatacruz, 15. — nto-Grupo Moyá, 12. — A. Ballestín, 10.— ruy, 10.—E. Miralles, 25.—J. López Plaza, Salom, 35.-F. Soler, 50.-M. Ruiz Maza, 5.— nrique, 5.—R. Albero, 5.**

**Entute 882 pesetoj.**

---

## RADIO ALERTA

angîs la tagon kaj horon de siaj espe-
j elsendoj, jene: Merkrede, de 17'15 ĝis
. La ondo daŭras samlonga: 203 metroj.

---

## El Esperanto al alcance de todos

Habiéndose agotado en menos de un
la 5.ª edición de la popular gramática
S-a( ) Fernando Soler Valls, «El
rantó al alcance de todos», ha sido
ta a la venta la 6.ª edición, muy me-
la, al precio de 18 pesetas. Venta
ibrerías, en Libroservo de Hispana
ranto-Federacio y en casa del autor:
nida José Antonio 58, Valencia.

---

Internacia Fervojista Kongreso
Kongreslingvo: Esperanto
8-11. Majo 1955
tfach 2311 — Zurich 23 — Svislando

---

### Sinjorino GABRIEL LANOUX

*La 29-an de pasinta Marto mortis en Alés, Francujo ĉi tiu samideanino, amikino nia, kiu akompanate de sia edzo pasigis kelkan tempon en Valencio kaj montris al ĉiuj kiuj konatiĝis kun ŝi siajn bonajn ecojn. Ni tre multe bedaŭras tiun gravan malaperon, kaj sendas tre sincere nian kondolencon al ŝia edzo, nia amiko S-ro Gabriel Lanoux, al ŝiaj filinoj kaj cetera familio*

## ATENTU

Dum la kompostato de ***Fremdulo sur la tero***, de F-ino Marjorie Boulton, ni rimarkis la vorton ***omeno*** (paĝo 167. linio 14) kaj ni demandis la verkintinon pri ties signifo, por ĝin klarigi al la legantoj. Ŝi respondis al ni, ke la uzo de tiu vorto estis simpla malatento kaj konfuzo, kaj ĝin oni devas anstataŭigi per la vorto ***aŭguro***. Ŝi komisiis al ni peti pardonon pro tiu eraro, ĉar kvankam ŝi certe ne kontraŭstaras neologismojn, sed tre aprobas ilin, ŝi diras, ke ŝi absolute ne rajtas krei tian vorton, kiu ankaŭ estis nebezonata.—***Red.***

---

● Rondvojaĝo tra Italujo, okaze de la 40-a Universala Kongreso de Esperanto en Bologna. Komforta moderna aŭtobuso, bonaj hoteloj, esperantista atmosfero, montarekskursoj, ŝipvojaĝoj, Kongreso, urboj, muzeoj, vidindaĵoj. Malalta prezo. Skribu al: S-ro Anĝelo Lovati, Via Lipari 8, Milano, Italujo. Komisie de Internacia Esperanto-Turismo-Centro, Parizo.

● Internaciaj Feriaj Esperanto-Kursoj en Helsingor, Danlando. 17 ĝis 24 de Julio, 1955. Aliĝojn kaj informpetojn bonvolu sendi, antaŭ la 23 de Junio, al S-ro L. Friis, Ingemannsvej 9, Aabyhoj, Danlando.

● Vizitu la novan internacian vilaĝon Villeuropa, inter Ventimiglia kaj Menton, kie somere kunvenas junuloj el tuta Eŭropo por ferii en gaja internacia rondo. Petu informojn al: Turisma Oficejo de Itala Esperanto-Federacio, Via Saluzzo 44, Torino, Italujo, aldonante respondkuponon.

# HISPANA KRONIKO

*EIBAR.* Dank' al la iniciato de S-ano Santiago Arizmendi, post taŭga propagando per radio kaj gazetaro, komenciĝis kurso, gvidata de sama samideano, en la gimnastikejo de Sporta Klubo. Brila inaŭguro, dum kiu S-ano Arizmendi paroladis por difini, kio estas nia lingvo kaj raporti ĝian ĵusan sukceson kaj promesantan estontecon. Gratulinda estas la agado de nia samideano el Eibar, kiu helpate de siaj simpatia edzino kaj ĉarma filino, tiom laboras por nia ideo.

*BARCELONA.* Aŭstra fervojista esperantista karavano sub gvido de S-ro Angermayr kaj akompanata de S-ano Saladrigas —kiu vojaĝis al la landlimo por akcepti la vojaĝantojn— alvenis 15/3. Rimarkinde estas ke eĉ la lokomotivisto kondukanta la vagonaron, estis ankaŭ esperantisto. Stacidome pluraj samideanoj atendis la alvenintojn, inter ili S-ro Feliu, estro de la Esperanto-fako de la vojaĝagentejo «Viajes Marco», Ges-roj Ullar, F-ino Suñer kaj S-roj Gironés, Blasco, Farach, Gil, Gisbert, Miró, Moreno kaj Paluzie. Okazis vizito al la urbo en du luksaj aŭtobusoj de la menciita vojaĝagentejo. S-ro Paluzie, en unu aŭtobuso, kaj S-ro Gisbert, en la alia, klarigis ĉiujn vidindaĵojn. Aŭstraj, hispanaj kaj esperantaj flagoj flirtis sur la veturiloj. Okazis vizito al Casa Valencia kun kora akcepto, kaj paroladoj de la Prezidanto de la Kultura Delegacio, S-ro Elías Valero, de F-ino Jover kaj de S-roj Anglada, Dalmaŭ, Gisbert kaj Gómez. S-ro Vilá deklamis la belan poemon La Vojo kun varma aplaŭdo. S-ro Angermayr dankis tiel varman akcepton kaj ĉarmaj esperantistinoj alkroĉis sur ĉiun aŭstran bruston la insignon pri «Les Falles» tial ke la celo de la vojaĝo estis vizito al ĉi tiu valencia tipa manifestado. Finiĝis la festo kun honora vintrinkado kaj ludo de la melodioj de la marŝo «El F[illegible]». Ni menciu ankaŭ, ke en la komenco de la vizito oni ludis la valencian himnon. La aŭstraj samideanoj foriris al Valencia por partopreni la festan semajnon.

Esperanto-Grupo de la Kooperativo «La Hormiga Martinense» 17/4 omaĝis per Honora Vermuto kaj interesa koncerto la fervoran samideanon S-ron Jaime Miró, malnova esperantisto kiu ĉiam laboregis por Esperanto, kaj lastatempe eĉ gvidis tri kursojn ĉe inter si malproksimaj societoj. Oni donacis al S-ro Miró ekzempleron de «Kataluna Antologio» kaj botelon da ĉampano «Verda Stelo», kaj al S-ino Miró belan florbukedon. S-ro Vilá legis sian originalan poemon en Esperanto, dediĉitan al la omaĝato. Paroladis S-anoj Pujulá Vallés kaj Chaler, F-ino Jové kaj la germana samideano S-ro Hermann Sa[illegible]an. S-ano Miró dankis per emociaj vortoj. La koncerta parto estis bela.

*BILBAO.* Kunsido de la Esperanto-Grupo okazis 20/2 elektante novan estraron jene: Prezidanto, S-ro Luis Otaola; Vicprezidanto, S-ro Pedro de Icaza; Sekr., S-ro Julio Juanes; Kasisto, S-ro Angel Bolaños; Voĉdonantoj, S-roj Francisco García, Juan Liceranzu, Manuel Santillana, Pedro Valle kaj Fernando Oyarzábal. La ĝis nun konstanta prezidanto, S-ro Eugenio Lunate, klarigis sian neeblon esti plu prezidanto, petante ke fortoj pli junaj gvidu la destinon de la Grupo.

Al la Kongreso en Gijón, 40 samideanoj iros en aŭtobuso kaj multaj aliaj en trajno. La Esperanto-Ĥoro funkcias dufoje semajne kaj rapide progresas. La esperantaj radio-elsendoj daŭras ĉiudimanĉe laŭ 264'8 metroj, de 24 ĝis 24'30. S-ano F. Javier Nagore bone parolas tra la mikrofono. Aŭskultantoj bonvolu skribi!

*VALENCIA.* Post la raportita vizito al Barcelona, la aŭstraj fervojistoj kun la karavanestro S-ano Angermayr alvenis por vidi la famajn kaj tipajn «Falles». Ili ankaŭ partoprenis diversajn aranĝojn, organizitajn de la loka samideanaro, inter ili viziton al la urbo, ekskurson al Albufera-lago kaj Saler-strando, kaj vizito al la subtera urbeto ĉe Paterna, kie la aŭstraj samideanoj estis regalataj per honora vino. Post adiaŭa kunveno la karavano foriris en direkto al la insulo Mallorca, kie la samideanoj de Palma akceptis ilin kaj montris al ili la vidindaĵojn de la ĉefurbo de la insulo.

S-ro Emilio Prades, kiu tiel lerte gvidas unu el la Esperanto-kursoj de la Valencia Grupo, verkis interesan kaj tre bone dokumentitan artikolon en Esperanto pri Sankta Vincento Ferrer, patrono de la urbo. La artikolo aperis en la jara revuo de la Asocio de Sankta Vincento Ferrer de la Naztuketo, kiu celebras feston ĉiujare du semajnojn post Pasko.

PERIS G. VÍA M. TURIA, 28 VALENCIA